5-a jaro. — N-ro 4 (52). Februaro 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*




Redakcia parto:
Oscar VAN SCHOOR

Administracia parto:
Frans SCHOOFS



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16*

BELGA ESPERANTISTO
VONDELSTRAAT, 20, ANTVERPENO (BELGUJO).
— 1913 —

Plej bonaj trikotaĵoj

ŝtrumpoj, ŝtrumpetoj, veŝtoj, kalsonoj, kamizoloj, ĉemizoj, kaj infanaj vestaĵoj estas aĉeteblaj ĉe

la firmo

**MATHIEUX**

49 Marché aux Poulets

*BRUSELO*

---

Speciala Vendejo de

KAFO, CIKORIO, TEO kaj ĈOKOLADAĴOJ

SPICOJ, KONSERVAĴOJ, SEKITAJ FRUKTOJ

**M. J. CASSIERS**

*30, LANGE CLARENSTRAAT*

*LONG. R. DES CLAIRES, 30*

ANTWERPEN

—:— ANVERS —:— 50

---

Hotelo

Café-Restaurant

de l'Hôtel de Ville

117, rue Grande

DINANT

**Rekomendinda domo**

**Pensiono kompleta :**

**Fr. 4. - ; Fr. 5.—**

---

**Pension :-: :-:**

# LERNEJO

**:-: :-: LONDONO**

Por gesinjoroj : Hejmaj komfortaĵoj : Bano : Anglaj Lecionoj : Moderaj prezoj.

*Prospekto de D-ro*

**O'CONNOR, M.A.**

17,

St. Steven's Square Bayswater

LONDON

---



LAVMAŜINO

**MORISONS**

**Lavas la puntojn ne dissirante unu fadenon**

**La maŝino ne havas :**

**lignajn pintojn**
**stangon meze de la kuvo**
**kugletojn**
**risortojn**
**radetojn.**

La sapakvo estas puŝata tra la lavota tolaĵo de dekstre maldekstren, de maldekstre dekstren, de l'centro al la randoj, de malsupre supren. La ilo batas la tolaĵon samtempe sur ĝian tutan supraĵon.

*Ĝi lavas la neboligitan tolaĵon en 6 minutoj, kaj funkcias per sia propra pezo.*

—:—:— **Sidante oni lavas** —:—:—

Mi provo sendas por unu monato lavmaŝinon « MORISONS » al ĉiu persono en Belgujo kiun mi juĝas fidinda kaj mi mem pagas la send- kaj resendelspezojn.

La lavmaŝino Morisons estas aĉetebla kontraŭ ĉiusemajnaj aŭ ĉiumonataj partpagoj.

Mendu la ilustritan broŝuron n° 272 kun prezoj ĉe 45

**J. L. MORISONS, 109, Dambruggestraat, Antwerpen**




# GRANDA
# Internacia Ekspozicio
## en GENT (Belgujo)
### Majo-Novembro 1913

Vasteco 115 hektaroj. Haloj kovritaj 14 hektaroj — Festpalaco 3 hektaroj

---

*Esperantistoj !*

Vizitu la Ekspozicion dum la Esperanta Semajno-Septembro 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

Aperas proksimume je la mezo de ĉiu monato. Ĝi estas la oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista. Ĝi enhavas diversriĉan materialon kaj estas redaktata nur esperante. Ĝi havas regulajn korespondantojn kaj kunlaborantojn en ĉiuj belgaj urboj kaj en multnombraj fremdaj landoj.

— Ĝi konsentas specialajn kondiĉojn por la grupoj kiuj abonas ĉiujn siajn membrojn.

## Fremdlandaj korespondantoj

| | |
|---|---|
| D-ro Leon ROSENSTOCK | Krakow, (Polujo) |
| John LUNDGREN | Hedemora, (Svedujo) |
| F-no Adela ŜEFER | Londono, (Anglujo) |
| F-no M. WHITE | Edinburgo, (Skotlando) |
| D-ro G. JAMESON-JOHNSTON | Dublin, (Irlando) |
| H. Th. THOMSEN | Kristiania, (Norwegujo) |
| ARGUS | Berlin, (Germanujo) |
| PENKO STOJEV | Trojan, (Bulgarujo) |
| D-ro P. STANISIĆ | Vinkovci, (Kroatujo) |
| Jules WOLF | La Chaux de Fonds, (Svisujo) |
| B. F. SCHUBERT | Washington, D. C. (Usono) |
| Martins d'ALMEIDA (Bemaldo) | Lisbono, (Portugalujo) |
| Jules de BULYOVSZKY | Budapest, (Hung ) |
| J. AIŽIÈRE | Alfortville. (Francujo) |
| Em. J. NICOLAŬ, | Bukureŝto, (Rumanujo) |
| D-ro Ambrosio VARGAS, | Meksiko |
| Giuseppe CALZA | Genova, (Italujo) |
| E. R. HAYHOW | Cape Town. (S. Afriko) |
| Artur E. BARRINGTON | Benalla, (Victoria) |
| ELEUTERIO ROSARIO CAMPO | Porlamar,(Venezuela) |
| Paul V. IDOYAGA | Montevideo |

5-a JARO. FEBRUARO 1913. 4a NUMERO (52)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


| Redakcia parto : OSCAR VAN SCHOOR | Administracia parto : FRANS SCHOOFS |
|---|---|

*Oni sendu ĉion kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## Babilado

Antaŭ kelka tempo, mi legis en esperanta jurnalo, ke la propagandon oni ne devas fari nur ĉe la ne esperantistoj sed ankaŭ, ke oni devas speciale labori por konservi en nia movado la novvarbitajn gesamideanojn. Tiu diro estas tute prava, ĉar kvankam ĉiujare la movado gajnas novajn anojn, ankaŭ ĉiujare gesamideanoj forlasas la movadon, unuj mortante, aliaj ĉu pro manko de tempo, ĉu pro sendiferenteco, ĉu pro senutilo de lingvo internacia por ili. Multnombraj el tiuj forirantoj povus facile esti konservataj en la movado, se nur kelkaj el la direktantoj de nia afero, en ĉiu urbo, klopodus iomete por konservi tiujn malfervorulojn.

Ni ne intencas tie-ĉi priparoli ĉiujn rimedojn kiuj povas helpi la propagandon en la interno de nia movado ; nur pri unu, kaj certe ĝi ne estas la malplej potenca, ni deziras diri kelkajn vortojn.

Kiam antaŭ 5 jaroj, la revuo Belga Sonorilo, malkaŝe atakis la Zamenhofan lingvon kaj defendis la lingvon de la delegitaro, en diversaj grupoj ni konstatis ke la movado iomete haltiĝis en diversaj urboj de Belglando. Kelkaj sindonemuloj starigis novan laŭfundamentan esperantan revuon « Belga esperantisto ».

De la naskiĝo ĝis nun, nia jurnalo ne ĉesis klopodi por kontentigi la abonantojn, la grupojn, la ligon kaj la disajn samideanojn. Tre ofte ni diris al niaj legantoj kaj ĝenerale al ĉiuj belgaj esperantistoj : Abonu kaj abonigu nian — ne, vian — jurnalon ; verku originalajojn kaj tradukajojn por ĝi ; sendu al ni regule novajojn pri la movado en via urbo kaj en via grupo ; zorgu por ke oni donu al ni anoncojn.

Tion, kion ni jam ofte diris, ni ankoraŭ hodiaŭ ripetas. Kaj ni faras tion ne nur por ke Belga Esperantisto prosperu,

sed precipe tial ke ni scias kaj estas konvinkitaj pri la neceseco de nacia organo en nia lando. Ni ne volas pretendi ke nacia esperantista organo faras ĉion en la movado, sed ni povas certigi niajn legantojn ke se, ian tagon, Belga Esperantisto ĉesigus sian aperadon, oni senprokraste deviĝus starigi novan anstataŭantan revuon, se oni ne dezirus ke la movado haltu kaj iru malantaŭen.

Antaŭ kelka tempo, Genta samideano, sciigis min pri la apero de nova revuo, titolita : *L'Esperanto, Monata Bulteno de la Genta Esperanto-Grupo ;* samtempe li sciigis min pri la alsendo de ekzemplero de la unua numero, kiu bedaŭrinde neniam alvenis ĉe min. Ĉar mi tamen, vizitante la Prezidanton de la Belga Ligo, trovis ĉe li la unuan numeron de tiu revuo, mi havis la okazon legi ĝin.

Unue ni deziras al tiu nova kunfrato bonvenon kaj fortan vivon ; ni bondeziras al ĝiaj redakcio kaj administracio la kuraĝon kaj sindonemon kaj precipe la laboremon kiujn oni bezonas por regule daŭrigi la publikigon de esperantista revuo en Belgujo.

Due ni devas el tuta koro protesti pro frazo kiun ni legas en tiu revuo (n° 1ª paĝa 9ª ). Efektive tie estas presita : « *Jen ĝi estas, Karaj Geamikoj ! Ĉu vi ne sentis, jam de longe, ke mankis al ni ligilo ? Ĉu kelkaj el vi ne fariĝis indiferentaj al nia sankta afero, nur tial ke ili ne sciiĝis sufiĉe pri la agado de nia grupo, pri ĝiaj klopodoj, pri ĝiaj progresoj atingitaj ?*

Kiam Belga Esperantisto iam rifuzis presigi novajojn kiujn oni sendis al ĝi pri la movado en Gent ? Ĉu la administranto mem de la nova Genta revuo ne sendis al mi leteron por dankegi min, tial ke, antaŭ la Genta Kongreso, mi presigis entute leteron sufiĉe longan pri la Genta urbo, kiun li sendis, nur por ke mi aranĝus malgrandan artikoleton ? Ĉu nia Belga Esperantisto ne publikigis sufiĉe longajn, ilustritajn artikolojn pri Gent kaj ĝia kongreso ? Ĉu ni ne estis pretaj-ĉe la unua parolo-publikigi la oficialajn novajojn pri la Genta Esperanto Semajno-Kongreso ?

Ne, ĉiam ni estis pretaj kaj servemaj por ĉiuj belgaj grupoj kaj certe la Genta grupo ne rajtas plendi pri tiu punkto.

Ne, Belga Esperantisto, nek estis, nek estas, nek estos *la organo de la ĉefredaktoro*. La ĉefredaktoro nur kolektas la al li senditajn artikolojn kaj verkojn ; li kolektas kaj precipe korektas ilin tre ofte, kaj la ĵurnalo enhavas lian prozon nur tiam, kiam la grupoj aŭ la samideanoj ne sendis sufiĉe da kopio.

Ni gratulas nian Gentan Kolegon pri la granda nombro de la anoncoj, kiuj — oni tion certigis al ni — sufiĉas por permesi la senpagan eldonon de tiu revuo. Kaj ni iomete miras ke en la pasintaj jaroj malgraŭ niaj petoj, neniam, samideano el Gent klopodis por ke la belga organo ricevu eĉ unu anoncon ! Kaj ni aldonas ke la sumo elspezota dum la

1913a jaro, de la Genta grupo sufiĉas por disdoni senpage 400-500 abonojn de Belga Esperantisto kaj samtempe, la aĉeto de tia nombro da ekzempleroj estus sufiĉa por ege pligrandigi kaj pliluksigi la nacian revuon.

Sed sufiĉas! Belga Esperantisto daŭrigos sian vojon, kaj eĉ nun, la Genta Grupo, malgraŭ sia organo, povos ĉiam disponi pri la nacia revuo. Antaŭ ĉio ni vidas Esperanton, kaj oni bonvolu ne konsideri kiel malagrablaĵojn, al ies ajn adreso, la veraĵojn kiujn ni skribis ĉi supre.

Samtempe ni gratulas la *Centran Komercan Oficejon* el Charleroi, kiu sendis al ni specimenan numeron de *La Bulteno*, nova komerca internacia organo, kaj la *Internacian Oficejon de Spiritismo* en Waltwilder (Belgujo) kiu eldonis la unuan numeron de sia belege prizorgita *Revuo de Esperanta Psikistaro*.

Al ĉiuj novvenintaj kolegoj nian tutkoran samideanan saluton!

Belga Esperantisto.




(*Kun la aprobo de la Belga Registaro*)

## 3a CIRKULERO

GRAVA SUKCESO: Nia Internacia Esperantista Semajno Kongreso, ricevis la oficialan aprobon de la Belga registaro kaj ankaŭ de la Grupo XXII. (Congrès et Conférences) de la Internacia kaj Universala Ekspozicio de Gent.

Ni ankaŭ jam akiris la certigon de la morala kaj financa subteno de la Registaro, de la Urbestraro kaj de la Ekspozicio mem. Interkonsente kun la estraro de la Ekspozicio, ni presigis esperante 10.000 novajn, tre elegantajn, bele ilustritajn broŝurojn pri Gent kaj ĝia Ekspozicio, kiujn ni disdonos kaj kiuj estas haveblaj senpage (la sendelspezoj devas akompani

la mendon (frs. 0.50 — Sm. 0.1000 en respondkuponoj). Bonvolu ankaŭ mencii la deziratan nombron de la ekzempleroj. La flugfolio A estos baldaŭ elĉerpita.

La Internacia Esperantista Semajno-Kongreso, organizos literaturan kaj desegnaĵan konkurson, pri kiu detaloj eble jam estos diskonigataj proksiman monaton.

Inter la okazontaj festoj estas projektita riprezentado de la teatraĵo « KAATJE » de S-ro Advokato Paul Spaak, esperantigita de D-ro W. Van der Biest. Tiu teatraĵo atingis la plej grandan sukceson, dum la 7a Internacia Kongreso en Antwerpen (1911) kaj ni estas certaj ke ĉiuj gesamideanoj tre ege deziras revidi tiun belegan teatraĵon, kiu estos ludata de la samaj geaktoroj de Antwerpen. Ankaŭ okazos aliaj teatraĵoj, internacia balo, kaj festa disdono de la premioj de la konkursoj. La organiza komitato klopodis por havigi al la kongresanoj la liberan eniron de la Ekspozicio dum la tuta esperantista Semajno kaj ĝi plene sukcesis.

La solvo de diversaj projektoj, espereble komunikotaj en la marta numero de «*Belga Esperantisto*» estas tre proksima.

La organiza komitato esperas ke la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso estos multnombre ĉeestata kaj ĝi nenion preterlasos por ke la kongreso grandege sukcesu kaj progresigu la propagandon de nia kara lingvo.

LA ORGANIZA KOMITATO.

---

# Kvina Belga Kongreso en Spa.

La komitato de la Belga Esperantista Ligo anoncis en sia lasta numero, ke la 5a nacia kongreso okazos en Spa anstataŭ en Liège tiun ĉi jaron, la 11an kaj 12an de majo.

Spa estas konata de l' tuta mondo kaj ĝi estas nomata, « la Ardena perlo ». Lokita en beleta valo, kiu estas ĉirkaŭita de montetoj kaj arbaroj, sulkita de pentrindaj promenadoj, Spa estas ĉiujare vizitata de fremduloj el ĉiuj landoj, kiuj elektas tiun urbeton kiel ripozlokon pro ĝia sana aero kaj bela sido, pro ĝiaj ĉiujaraj festoj kaj ĝiaj ferhavaj akvoj. La tieaj hoteloj estas multnombraj kaj zorgemaj ; iuj el ili estas nepre rimarkindaj. Estas granda eraro kredi ke oni nur povas loĝi en Spa elspezante multe da mono. La jenaj prezoj, por ĉambroj kun mantenmanĝo, certigas bone la malon : 2.50 fr., 3 fr , 3.50 fr., 4 fr., kaj plu. Kelkaj hoteloj faras rabaton por dupersonaj litoj.

Kiel la kongreso okazos ĝuste je la Pentekosto, multe da aliaj ekskursistoj, same kiel ĉiujare, venos en Spa por 2 aŭ 3 tagoj. Estas pro tia kaŭzo ke ni insiste petas ĉiujn parto-

prenontajn mendi *de nun* membrokarton, por ke la organiza komitato sciu precize la nombron.

La kosto de la membrokarto estas 1 frankon.

La prezo de l' ĝenerala festmanĝo estas 3.50 fr., kun duona botelo da vino.

La kongreskarto rajtigas partopreni la vesperfeston, ekskurson kaj viziton de kursalo, banejo, k. t. p.

La grupoj estas insiste petataj sin okupi pri la ĉeesto de siaj membroj en la kongreso.

Ni esperas, ke la belgaj, kaj alilandaj esperantistoj multnombre venos en nia beleta urbo.

Ni havas la kontentecon certigi ke la urbestraro estas tre favora al esperanto kaj multe helpos nin.

La programo kaj diversaj informoj aperos en la proksima numero.

De nun oni povas mendi provizoran membrokarton kaj sendi la monon por ĉambro kaj festeno al : S-ro Jean Desonay, Place Verte, 3 Spa.

---

# IX. Universala Kongreso de Esperanto en Bern.

*(24-31 Aŭgusto 1913)*

## IIa Cirkulero

En la unua, tre mallonga cirkulero, ni komunikis la decidon de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, ke la Naŭa estu organizata en Bern. Depost tiu tempo, la Loka Organiza Komitato vigle laboris. Ĉar por la tuta organizado restas nur malmultaj monatoj, estas dezirinde, ke jam de nun la Esperantistaro grandnombre sendu sian aliĝon kaj kongresan kotizon, por ke la L. O. K. konu baldaŭ la proksimuman nombron de la kongresanoj.

Malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj ni povas certigi, ke la festo estos grandioza, ke, krom la kutima laboro, la kongresoj ĝuos multe da belaj amuzajoj. Inter ili estu citataj : Naciaj ludoj, bonega koncerto pri svisaj kantoj (en Esperanto kaj en svisa dialekto), iluminacio de la urbo, festeno kun orkestra koncerto sur monto Gurten, el kie oni ĝuas nekompareblan aspekton de la neĝa Alparo, ekskurso unutaga al la Berna Oberlando kun ĝiaj neĝmontoj kaj mirinde belaj lagoj, internacia kostumbalo, prezentadoj en teatro, kaj tre verŝajne komunaj tagmanĝoj.

Entute la L. O. K. faros sian eblon por plejeble agrabligi vian restadon en la belega Svislando.

Dum la kongreso oni ankaŭ aranĝos ekskursojn de duona, tuta tago aŭ, laŭdezire de du tagoj sur la plej belajn pintojn de nia Alparo ; sed en tiuj ekskursoj povos partopreni nur po maksimume 50 personoj, kiuj disponas sanajn piedojn kaj pulmojn. Kiu deziras

partopreni en tia ekskurso, volu skribi plejeble baldaŭ al la kongresa komitato. Pliposte oni komunikos detalojn pri kosto k. t. p. Tiuj ekskursoj plej parte ne estas kostaj, ĉar per vagonaro oni atingas la piedon de la Alparo jam post unu horo. Bela Gvidlibro tra Bern kaj la Alpoj estas en preparo.

Granda Banko (Kantonalbank von Bern) kolektas de nun la kongreskotizon (6 Sm. 15 Frankoj). Oni povas sendi tiun monon, al la nomita Banko, ĉu per internacia poŝtmandato, ĉu per ĉeko de la Ĉekbanko Esperantista aŭ de alia bona banko. Ĉar kelkaj oficistoj de la Kantonalbank scias Esperanton oni eventuale povas aldoni korespondaĵon en nia lingvo.

Kiu frutempe aliĝos, povos ricevi loĝejon en privata domo, laŭ tre malkara prezo. La komitato disponas jam je pli ol mil tiaj ĉambroj. Post interkonsento kun la luantaro ni stariĝos liston de ĉiuj ĉambroj (kun matenmanĝo) laŭ tri klasoj. La Esperantistaro estos akceptita plej ĝentile kaj trovos nur bonajn ĉambrojn.

Por la intereso de la Esperantistoj kaj la prospero de la Naŭa Kongreso ni insiste petas, ke ĉiuj kiel eble plej baldaŭ aliĝu kaj sendu sian kotizon, ĉar por la preparaj laboroj ni bezonas monon, monon, monon. Nur per mono ni povas organizi prosperan laboron kaj brilan feston.

Post nelonge eldoniĝos arta glumarko, kies riĉan uzadon ni jam nun rekomendas al ĉiuj Esperantistoj.

Post la kongreso okazos tri-aŭ kvartaga rondvojaĝo tra Svislando por viziti la plej allogajn lokojn, ekzemple Interlaken Lucerno, Rigi, Esperanta Paradizo, Zurich k. t. p.

Ĉiu letero kaj poŝtkarto estu sendata al la « Komitata de la Esperanto-Kongreso » en Bern ;

Ĉiu monsendo estu direktata al la « Kantonalbank von Bern » en Bern.

Bern, en Januaro 1913.

*La Direktanta Komitato.*

---

# Veturu ni multnombre al la « Naŭa » !

*Kara Redaktoro.*

Ne estas oportune ion diri pri la kaŭzoj kiuj igis neebla la kunvenon de la Naŭa Kongreso en Genovo. Ni esperantistoj estas pratikoj homoj, kaj, sen vanaj bedaŭroj pri la estinto, ni nur volas certigi la sukceson de la estonto.

Ĉiuokaze, konsiderinte la cirkonstancojn, ni en K. K. K. ne estus povinta fari pli bonan elekton ol Bern kiel urbon por la « Naŭa ». La Svisa ĉefurbo estas, efektive, tre interesa

antikva civito, kie ofte kunvenos ĉiuspeciaj internaciaj kongresoj ; ĝi estas, plie, la centro de la plej belaj, la plej admirindaj ekskursoj en la Alplando. La loĝado kaj vivado ne estas multkostaj, almenaŭ ĉiu povos trovi pensionon laŭ siaj monrimedoj. S-ro J. Schmid, la bonkonata kaj de ĉiu amata prezidanto de la Svisa Esperantista Societo, loĝas en Bern, kaj akceptis la altan funkcion de Prezidanto de la Naŭa Kongreso kaj de la loka organiza komitato. Estas al li ke la geesperantistoj el ĉiuj landoj devos sin turni por mendi la Kongres Karton, havi sciigojn pri loĝejoj, ekskursoj k. t. p. La belgaj samideanoj, do, skribu al S-ro Schmid *senprokraste*.

Ni spertis en Antverpeno la neceson ricevi monhelpon *sufiĉe frue* por plenumi la diversajn devojn de la preparado de Internacia Kongreso.

Ne nur la bona okazo por facile kaj malmultkoste vojaĝi en la belega Svisa lando, kiu estas sendube la kora deziro de ĉiu vera turisto, sed ankaŭ la neceso montri al la Svisoj, kaj precipe al la Bernanoj, la gravecon de Esperanto, montri al ili ke, se ekzistas aliaj *projektoj* pri internaciaj idiomoj, ekzistas nur *unu vere praktika monddisvastigita Internacia Lingvo*, kiu dum triumfe solvis la problemon kaj prezentas al la landanoj de ĉiu nacio la rimedon por facile interrilati, ne nur *skribe* sed *buŝe* t. e. la lingvo kion ni ŝuldas al la genio de D-ro Zamenhof unuvorte, Esperanto.

La artikoleto kiu aperis en la Decembra n° de Belga Esperantisto, elmontris al ni ke kelkaj ruzuloj klopodis, ne sincere kaj honeste, sed kaŝe, starigi en Bern mem « Bureau » kies evidenta celo estis elektigi kiel internacian lingvon, ne Esperanton, sed eble la plej maloportunan el la multaj plagiatoj de la Zamenhofa lingvo. Estu ni do, karaj gesamideanoj tre multnombraj en Bern dum la proksima Aŭgusta monato. Ĝis nun nia sepa en Antverpeno tenas la « Rekordon » inter la Internaciaj Kongresoj sed, diru ni laŭte, nia plej granda deziro estas ke la Naŭa Kongreso en Bern estu ankoraŭ pli multnombra ol la Sepa en Antverpeno. Vivu la Naŭa !

A. Ro.

La adreso de S ro J. Schmid al kiu la Kongresontoj devos sin turni estas : Handelsdepartement, Bundeshaus, Bern.

# El "Quinten Matsijs"

Muziko de Em. WAMBACH — Esp. teksto de R. UNTERMAN

Eĉ ne arb - ar - a flor' O - dor - as

ki - el vi, Ho, mi - a ĝoj' kaj glor'! Plej mild - a

ma - ten - fru' Ne bri - las ki - el vi Kaj vi - a

o - kul - blu'. Ne - ni - a ma - ten - hor' Min

ĉarm - as ki - el vi Kaj vi - a buŝ - ko -

lor'. Ne est - as arb - bran - ĉet' Gra - ci - a

ki - el vi, Gra - ci - a ki - el vi, Plej

ĉarm - a an - ĝe - let' Eĉ ne si -

*ritt. pp* *tempo*

mil - as vin La blank a le - li - et', Tre

ĉast - a - fi - anĉ - in'. Al vi, E - den - an -

ĝel' — So - pir - as mi - a kor', Al

vi, E - den - an - ĝel', Ho! mi - a kred - o

mi - a cel'!

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (Rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**BRUSELO.** — Dimanĉon 24an de novembro je la 10a matene, kunvenis delegitoj de la Brusela Federacio en sia kunvenejo, ĉe la Internacia Bibliografia Asocio, 3bis Strato de la Régence. Laŭ la Regularo oni devas ĉiujare elekti la estraron de la Federacio. Unuamime kaj aklame oni reelektis la lastjaran estraron : Prezidanto D-ro Van Drunen, Profesoro de la Brusela Universitato, Vic-Prezidantoj S-roj E. Baez kaj F. Mathieux, Sekretario A. Tillière kaj Kasisto S-ro Meynkerken. Oni decidis ke la membroj de la filiaj grupoj daŭrigos pagi, kiel jaran kotizon, 60 centimojn. Negrupanoj, membroj de la Federacio pagos 3 frankojn jare. Oni kreis fakon de membroj protektantaj, pagantaj 5 fr. jare kaj 8 el la ĉeestantoj tuj sin enskribis kaj pagis la nomitan sumon al la kasisto. S-roj Mathieux kaj S-ro Lippens anoncis du novajn kursojn.

La Brusela Grupo de la Poliglota Klubo kunvenas ĉiun sabaton je la 8a vespere en la Hôtel Ravenstein.

— Ĉiujare la Brusela Federacio festas la Naskfeston de Dr Zamenhof, kiun nur la obeemo malhelpas min nomi : Nia kara Majstro. Do Dimanĉon 22n de Decembro kunvenis en nia esperanta hotelo « Le Moulin d'or », je la 6a vespere, gaja aro da 17 geesperantistoj. Ĉar ni ne volas trouzi la gastemecon de via ĵurnalo, ni ne aldonas la nomaron, ni nur diras ke ĉiu Brusela Grupo sendis kelkajn reprezentantojn, kaj ke la bela sekso ne formis la malplimulton. Oni ĝoje festis ĝis la deka kaj duono kaj oni ne forgesis proponi kaj trinki la kutimajn tostojn. Vivu Zamenhof.

— **La Federacio de la Bruselaj Grupoj** kunvenis ĉe la oficejo de la Internaciaj Asocioj, 3bis rue de la Régence, Dimanĉon 19 de januaro, je la 10a matene.

La delegitoj pritraktis diversajn temojn. Multaj membroj pagis la federacian kotizajon, inter aliaj la anoj de la «Zamenhof». Oni faris propagandon por la 5a Kongreso en Spa, por la Esperantista Semajno en Gent kaj por la Naŭa en Bern.

Oni decidis daŭrigi la kunvenojn de la gesamideanoj. Dimanĉo ĉe la Kafejo «Au moulin», rue du Pont Neuve, kaj disiĝis je la meztago

A. Ro.

**ANTWERPEN.** — **Esperanto kaj Ido.** Jam de kelka tempo, la tri idistoj de nia urbo movis. Ili disdonis cirkuleron en kiu estas presita ke ĉiuj esperantistoj forlasis Esperanton kaj akceptis la lingvon de la delegitaro, ke Zamenhof eĉ ne volis plu resti la estro de la movado k. t. p. kaj ke entute neniam ekzistis pli ol 27 esperantistaj revuoj !

Kaj por kroni la tutan aferon, komandanto sen soldatoj, faros paroladon la 5an de Januaro, pri la lingvo internacia.

Sed se idistoj movis iom, la esperantistoj tamen ne dormis. Libreto 28-paĝa, franc-flandre verkita kaj enhavanta plenajn respondojn al ĉiuj reformemaj argumentoj, estis grandope disdonita en la urbo kaj la 4an de Januaro, invitita de la Antverpenaj samideanoj, Sr Colas el Paris, faris paroladon pri Esperanto kaj Ido. Ni ne bezonas diri ke nia lerta sam

deano rifutis plenege ĉiujn argumentojn de la reformemuloj kaj eĉ en tiu parolado oni montris publike leteron kiun sendis al niaj amikoj iu el niaj samurbanoj, kies nomon la idistoj presigis sur sian cirkuleron. Nia samurbano protestis, dirante ke li ne konas eĉ uno vorton de Ido kaj ke li subskribis ne cirkuleron, sed liston da anoj, kiujn la tri idistoj bezonis por ricevi monhelpon de la urbestraro !

La sukceso de nia amiko Colas estis do grandega kaj plifirmigis la konvinkon de niaj samideanoj, kaj kiam, postan tagon, la fama komandanto kun siaj kvin akolitoj venis el Bruselo por tie ĉi semi la malpacan semon, malgraŭ liaj personoj atakoj kontraŭ S° Bourlet kaj Generalo Sebert, li ne sukcesis konvinki eĉ unu el la ĉeestantaj samideanoj, ĉar li nenion pruvis kontraŭ nia lingvo Zamenhofa mem.

Tio estas mia impreso pri la granda batalo de Ido kontraŭ Esperanto en Antwerpen. Nenio ! nur vento kiu forpasis. E. Go.

---

**Jam de kelkaj monatoj, diversaj grupoj ne sendas regule novaĵojn pri la movado. Ni insiste petas ke la sekretarioj ne forgesu tion. Nur kelkaj linioj ĉiumonate sufiĉas, por ke nia rubriko Belga Kroniko respegulígu plene kaj precize la esperantan vivon kaj movadon en Belgujo.**

**Tiu rimarko estas speciale dediĉita al la urboj Spa, Liége, Verviers, Brugge, Gent, Antwerpen (Antverpena Grupo, Suda Lumo, Verda Standardo, Laboro), Berchem.**

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ANGLUJO.** — En grava kunsido de la Oxforda Komitato por « Efektivigo de Internacia Interkompreniĝo kaj Amikeco » oni decidis sendi al fremdaj Universitatoj fratajn salutojn kaj esprimi deziron kuraĝigi kaj helpi amikecan interrilaton en la tuta mondo. Oni decidis sendi ĉi tiun saluton kaj proponon kun klariga letero al ĉiu universitato trilingve, neme angle, latine kaj esperante : Jen do pruvo, ke nia internacia lingvo « iom post iom kaj paŝo post paŝo » atingas sian lokon, kaj estas juĝata efika ilo por interkompreniĝo. Ekzistas jam nun multaj studentoj ĉiulande ; ili do multe helpos la efektiviĝon de internacia amikeca revo. Gratulinda fakto estas ke la « British and foreign Bible Society » nun eligis la novan testamenton. La traduko estis farita de pastro Cyprian Rust, kaj kelkaj aliaj kompetentuloj ; ankaŭ diversaj eminentaj esperantistoj en Londono donis malavare sian helpon por ke la verko estu efektiva trezoro por la esperantistaro. Plie en Taunton (sudokcidenta Anglujo) estro de grava publika lernejo konsentis proponi al la knaboj la lernadon de Esperanto kiel libertempan taskon, kun premioj post plenumita ekzameno ; la parolado kiu efektivigis ĉi tiun proponon estis farita de S-ro H. B. Mudie antaŭ 350 knaboj, kiuj tre interesiĝis ; kaj jam post kelke da tagoj kelkaj sendis Esperantajn poŝtkartoj al li. Tiu ĉi ekzemplo estas tre imitinda. La Charing Cross Klubo kies agemo prezidanto, S-ro A. Blott, formortis antaŭ nelonge nun havas sian sidon en B. E. Asocia ĉambro, sub la prezidanteco de nia fervora samideano S-ro Cowper. Tio estas la sola posttagmeza kurso en Londono kaj oni kuntrinkas poste teon en apuda teejo. Plie por ekzercadi la lingvon, S-ro C. E. Cowper kunvenigas interesatojn en la National Portrait Gallery (Nacia Portretujo), kie oni lernas interbabili pri la pentraĵoj. Ad. S.

° ° °

— Soro. Felix Moscheles, eminenta artisto, kaj prezidanto de Londona Esperanta Klubo, festis la okdekan datrevenon de sia naskiĝotago, sabate la

9an de Februaro, 1913. Li estas konata ne nur pro siaj pentraĵoj, sed plie pro sia homamo kaj bonfaroj al ĉiu malfeliĉulo aŭ helpindulo ; plie pro tio, ke li estas la prezidanto de l'Internacia Arbitracia kaj Paca Societo, ke li ĉiam probatalas propacajn aferojn, kaj ke li estas la iniciatinto de l' ĉiujare festita pacotago. Li estas plej energia laboranto, kaj eĉ nun ne volas ke iu faru tion laboron por li. Ni gratulas al li, kaj esperas ke li longe restu kun ni kaj helpu !

En la bela pentrejo de la gesinjoroj Moscheles okazis plie grava kunveno. Abdul Baha, la Persa reformisto kaj ĉefestro de l'Bahaja movado (en la Oriento faris belan paroladon kaj esperanten tradukata el persa lingvo) li estas fervora aprobanto de Esperanto kaj diris ke li ordonis al liaj disciploj (kies nombro estas pli ol du milionoj en Persujo, Turkujo, Hindujo, Arabujo kaj Egiptujo), ke ili studadu Esperanton. Jen nia lingvo disvastiĝos ! Li plie parolis en Edinburgo antaŭ 800 personoj, kaj faris belan paroladon antaŭ du semajnoj. En Londono okazis pritraktado farita de So Pitlik el Praha. Li priparolis la belan urbon de Praha— kaj la «Sokol» festoj, t. e. internaciaj gimnastikaj prezentadoj en Praha, ĉiujaraj kaj estis montritaj samtempe konformaj lumfiguraĵoj sur tolaĵo pendstreĉita sur muro. Estis plej interesa afero kaj ĉiu ĝuis la vesperon So. Pitlik parolis Esperante (plej rapide) kaj So. H. B. Mudie tradukis frazon post frazon, iom malfacila tasko — pro l'neklareco de l'tro rapide parolita Esperanto. « Sokol » signifas falkoplumo kiun portas ĉiu gimnastikulo en sia cirkloforam ĉapeto. Ad. Ŝ.

**HOLANDO. — Unua Nederlanda Nacia kongreso Esperantista.** — Okaze de la jarkunveno de la Nederlanda Societo Esperantista « La Estonto estas nia », la 27an de Julio 1913, en Hago, la Haga Grupo organizas nacian tritagan kongreson. Ĉar Hago en tiu-ĉi jaro, pro la malfermo de la Pacpalaco kaj pro la festoj pri la centjara sendependeco estos centra de vizitado de fremduloj, la kongresa komitato invitas ĉiujn eksterlandajn gesamideanojn grandnombre partopreni tiun kongreson. Baldaŭ aperos programo kun aliĝilo. Por informoj oni sin direktu al la sekretario de la kongresa komitato, S-ro J. R. G. Isbrücker, Riouwstr. 169, Hago Holando.

**NORVEGUJO. — La Grupo Esperantista de Trondhjem** aranĝos ekspozicion esperantan dum venonta vintro. Por tiu celo ĝi permesas al si peti pri alsendo de esperantaĵoj, kiel libroj, gazetoj, reklamiloj, fotografaĵoj, broŝuroj, ilustr. poŝtkartoj, k. t. p. Oni sendu ĉion al la Ekspozicia Komitato de Grupo Esperantista. Trondhjem. Norvegujo.

**SKOTLANDO.** — La Edimburga societo aranĝis ses kursojn, por la vintra sezono, unu okazas je la posttagmezo por la stabo de la « Scotsman » la plej grava ĉiutaga ĵurnalo skota ; ankaŭ en du publikaj lernejoj stariĝis vesperaj kursoj por la studado de Esperantisto.

Ĉe la grupejo, la 19an de Oktobro 1912, S-ro Graham Bailey, misiisto en « Hindujo » lekciis pri Hindaj superstiĉoj.

La 6an de Nov. S-ro Page legis tre interesan verkon pri Bahaismo « Abdul Baha » la profeto de tiu kredo enhavigis en ĝi la idealon pri universala lingvo, kaj li opinias ke Esperanto estos taŭga por ĉiuj.

La 13an de Nov. S-ro Harvey aranĝis bonan koncerteton.

La 18an de Dec. okazis en publika lernejo en Edimburgo tre bona kunveno, laŭ la propaganda vidpunkto. Sur la programo estis muzikaĵoj kaj komedio titolita. « Angla lingvo sen profesoro », la geaktoroj bonege ludis siajn rolojn, kaj la neesperantistaj ĉeestantoj povis kompreni preskaŭ la tuton, ĉar ambaŭ lingvoj, la Angla kaj la Esperanta estis intermiksitaj.

Oni atendas bonegan rezultaton de la afero.

° ° °

En « Glasgovo la edukada komitato oficiale starigis du ĉiusemajnajn Esperantajn kursojn en publikaj lernejoj (vesperaj kursoj). Jen novaĵo kiu aperis en la « Glasgow News » la 19an de Nov. Ĉe la ĉiusemajna kunveno

de la Glasgovaj Esperantistoj, la lastan vesperon, la temo por la diskutado estis : Oni devas fariĝi vegeterano pro dek kialoj.

Multaj societanoj partoprenis la diskutadon, kaj ciuj detaloj estis pritraktitaj, kaj oni havis alian pruvon ke Esperanto bone taŭgas por la diskutado de tiaj problemoj. Ĉiu ano tre simple, tamen tre klare esprimis siajn ideojn.

° ° °

En « Leith » sub la aŭspicioj de la loka grupo, publika kunveno okazis la 18an de Okt. Prezidis S-ro D. W. Kemp, konata en la urbo komercisto. S-roj Warden, Wilson kaj Rae parolis, kaj S-ro Redding funkciis lanternon.

La spritaj rakontetoj pri « Oka » ĝajigis la ĉeestantaron ; kontentiga nombro ĉeestis.

° ° °

L-ro J. Boyd Anderson faris publikan lekcion en Kilmarnock ; ĝi estis tre sukcesa afero, kaj sendube pligrandigos la ti-an grupon per novaj aliĝantoj.

° ° °

En raporto de la K. U. J. V. oni tre favore traktadis la progreson de ĝia Esperantista societo ; la prezidanto trovis la help'ingvon tre utilan kiam li vojaĝis dum la somero, eksterlande.

° ° °

La 8an de Dec. mortis en Edimburgo je la aĝo de 21 jaroj, post longa kaj dolora malsano, Charles Mackey. L. R. C. M. Lia morto forprenis el la rangoj de nia paca armeo kunbatalanton viglan kaj sindoneman. S-ro Machey estis lerta kaj kulturita muzikisto, kaj ĉe la kongreskoncertoj en Edinburgo, Perth, Dundee, kaj Antverpeno aŭdiĝis lia ĉarmema kantado. Kaj liaj aŭskultintoj sciiĝos kun profunda malĝojo, ke la bela voĉo, kiu antaŭe kortuŝis ilin estas nun por ĉiam silenta !

M. W.

---

# Hendrik Conscience

## PAROLADO

**farita dum la kunveno de la Lingva Unuiĝo, en la urbdomo de Bruselo, la 11an de Februaro 1844.**

*Sinjoroj,*

La certigo ke vi bonvole donos al mi vian atenton, kaj la espero ke miaj paroloj ne estos senutilaj, min sufiĉe kuraĝigas, por ke mi risku alparoli vin dum tiu ĉi kunveno.

Mi ne eniĝos kun vi en profundan pripensadon ; atendu de mi nek komplikan rezonadon nek oratoran redaktajon, — mia voĉo devas en via koro trafi la kordon de l' patriotismo, nin ĝoje emocii per la vido de l' fruktoj de nia laboro, kaj kuraĝigi nin por la plenumo de nia alta rolo. Tiu estas mia celo.

*Sinjoroj,*

Li, kiu, legante la historion de Flandro, volas enpenetri la spiriton de la faktoj, konsentos kun ni ke ĝi estas nenio alia ol la rakonto de la hazardoj de l'batalo, kiu nun de 800

jaroj estas farata sur 'nia tero inter la Flandra elemento kaj la Romana puŝado.

En tiu batalo de la nefleksebla kuraĝo kontraŭ la nombro, fluis la sango de ĉiuj herooj, kies nomojn vi elparolas kun fiero ; estas en tiu kampo ke iam De Coninck kaj Breydel, Jacob kaj Filips Van Artevelde levis la glavon kontraŭ la Romana regdeziro ; — kaj inter ĉiuj malfeliĉegoj, kiujn Flandra Belgujo devis suferi tiel multnombre, estas malmultaj kiuj ne portas la markon de subpremo al ni farita de suda popolo. Kiel antaŭgvardioj de la Germanaj gentoj, niaj prapatroj batalis kontraŭ la Romana superrego kun nesubmetebla obstineco kaj mirinda sinoferemo. — Sed ne ĉiam leona kuraĝo povis kompensi la nombron kaj la ruzon. Precipe en ĉi tiuj lastaj tempoj, Flandra Belgujo estis fortrenita de Eŭropaj okazintaĵoj, kiuj ne permesis al ĝi iel ajn influi sian propran sorton. Rekte tra ĉiuj ŝtatventegoj, kontuzita kaj vundita de revolucioj, la patra heredaĵo venis al ni en terura stato.

La fremda regemo surtronigis la ĝeneralan bastardigon ; nia gepatra lingvo, la lingvo de niaj Flandraj herooj, estis ne nur malkonfesata, sed mokata kaj malestimata ; nia glora historio estis forgesita ; la eksterlanda malvirteco fluis ĉiuflanke trans niajn limojn ĝis en la interno de niaj familioj ; niaj religiaj sentoj, niaj sinceraj moroj, nia nacia gloro, nia lingvo, — ĉio, ĉio estis malaperonta en la avida abismo de la Franca ŝajncivilizacio. Jam kuŝis ja la larĝa mano de la tempo sur la nomo de Flandrano, por ĝin forviŝi el la mondlibro.

Estis tiam, Sinjoroj, ke kelkaj idoj de l' De Coninck'oj kaj Artevelde'oj, kelkaj pli varmsangaj Flandranoj, sentis ekbrulantan en si la konsumantan flamon de l'indigno. Kun klinita kapo kaj premita koro ili rigardadis la bastardiĝon de siaj fratoj kaj la premadon, sub kiu malaltiĝis la Flandra principo. Ili vidis kiel la favoroj kaj la bonstato ne estis por la Flandranoj ; kiel du milionoj el iliaj laborantaj fratoj estis senigitaj je ĉiu civilizacio, je ĉiu morala progreso kaj restis kvazaŭ kondamnitaj je nescio ; ili vidis kiel la malpieco, la adulto, la mokrido, la ruzo kaj la memmortigo estis, en miloj da libroj, laŭditaj kiel virtoj al iliaj samlandanoj ; en ilia orelo sonis la kalumnio de l' fremdulo, kaj la insulto, farita al la prapatroj, tramordis iliajn korojn. Ili vidis la ruĝon de la honto kolorigi la vangojn de l' Flandrano, al kiu fremda aventurulo demandis al kiu popolo li apartenas !

Iliaj kapoj kliniĝis pli profunden je la vido de tia humiligo ; iliaj larmoj fluis silente pro la perdo de tiom da memoraĵoj, kiuj iam havigis al ni gloran lokon inter la popoloj de la mondo.

Subite, kvazaŭ Dio estis metinta sian fingron sur ilian frunton kaj estis kriinta al ĉiu el ili : « Estu potenca ! » subite ilia koro batis pli rapide, kuraĝo kaj konfido plenigis iliajn brustojn, kaj ili diris unu al alia :

« Vidu, la patrujo staras ĉe la rando de l'abismo, la fremdulo
» metas la hakilon sur la monumenton de nia nacia gloro ; — post
» mallonga periodo, la nomoj de niaj patroj, iliaj heroaĵoj, nia bela
» historio, niaj moroj, nia lingvo, — ĉio kion ni posedas estos
» perdita ! La Romano eklaŭtigos siajn triumfkantojn sur la
» tomboj de niaj prapatroj, kaj kun mokrido li diros : ĉi tie vivis
» iam popolo, kies nomo estis Flandrano ! »

Kaj iliaj voĉoj kunfandiĝis en voko. — Vi diris :

« Ne, la Romano ne eksonigos siajn triumfkantojn sur la
» tomboj de niaj prapatroj ; li ne ĝojos pri nia falo ! Denove
» la nomo de Flandrano lin lume albrilos en la okulojn....
» Antaŭen, ni eklaboru, — kun ŝtaligita volo kaj nefleksebla
» pacienco ni elfosu niajn memoraĵojn, kun vipanta perforto
» ni forpelu la bastardigon el nia tero. Antaŭen, la Flandra
» patrujo devas esti savita ! »

Dankon ni ŝuldas al li, al tiu Dio, kiu nin inspiris kaj donis al ni forton por tiu granda tasko ! — La patrujo estas savita — ĝi estas savita ! Nun ĝi ne plu staras sur la rando de l'abismo, kie ni trovis ĝin ; — ĝi ne pereos ! . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Sinjoroj, pardonu mian entuziasmon. Kiam mi parolas pri la Flandra patrujo, mi ne povas superregi la ellason de mia animo.., mi estas emociata. . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Malmultajn jarojn ni uzis por la rekonstruo de nia nacia indeco. Konfesu kun mi, ke la rerigardo al la jam plenumita parto de nia tasko nin devas fierigi. Ĉu vi rememoras, ke je tiu tempo oni diris : via lingvo estas nekomprenebla parolaĉo ? Kaj nun, nun oni diras : « la Flandra lingvo produktis belajn verkojn, ĝi estas la gepatra lingvo de pli ol la duono de la Belgoj ; tiu lingvo devas esti respektata kaj subtenata, glora estonteco antaŭlumas al ĝi sur ĝia vojo. . » Kaj tiuj noblaj paroloj, elparolitaj de inda Flandrano, ne estis salutitaj per mokrido ! Tiuj kiuj ne konas nian gepatran lingvon, kredis al ĝia beleco kaj al la antaŭdiro de ĝia defendinto !

En la tempo, kiun mi aludas, insulto kaj malestimo lin estus respondintaj. — Ĉu vi rememoras, ke oni ride demandis al ni : kie estas la jarlibroj pri via literaturo ? kie la produktaĵoj, kiuj pruvas, ke la Flandra lingvo povas esprimi la emociojn de la koro ? — Kaj nun, nun oni bedaŭras ke oni ne scias la Flandran lingvon, por esti kapabla legi niajn naciajn verkaĵojn. Ĉu vi rememoras, ke la gepatra lingvo estis ekzilita el ĉiuj administracioj, kaj ke Flandra burĝo, por aferoj plej mal gravaj, bezonis tradukiston ? — Kaj nun la gepatra lingvo ne nur penetras en niajn komunumajn kaj provincajn administraciojn ; sed ĝi eĉ altiĝas per nekontraŭstarebla antaŭenpuŝo ĝis la trono de la reĝo ; nun la granda Germanujo fiksas sur nin ĝojplenan rigardon , ĝi rekonas en ni la renask-

iĝintajn filojn de la Nordo kaj aplaŭdas niajn klopodojn ; — nun altiĝas la voĉo *Flandra Belgujo* el la ĉefurbo sur la atentan kaj aŭskultantan patrujon !

Ho, fratoj, tiu estas nia verko. Tion ni gajnis per kuraĝo kaj laboro !.... Nun resonas triumfkantoj sur la tomboj de la prapatroj ; estas kantoj, kiuj prikantas nian renaskiĝon kaj nian altiĝon !

Nu, Sinjoroj, se ni rajte povas ĝoji pri la jam trairita vojo, multege pli restas al ni por fari ; la tempo ne jam venis, kiam ni, fierege rigardante nian verkon, povos diri : estas finite — nia tasko estas plenumita. Tial, ĉiam antaŭen kun renovigita kuraĝo, ne dormante, ne ripozante ; ĉiam ni laboru, ĉiam ni batalu por la Flandra patrujo, ĝis kiam la krono, kiun ni preparas por Flandrolando, estu plektita de ni aŭ de niaj filoj.

Per nenio lasu vin haltigi, per nenio vin timigi ; ĉar nia batalo estas paca batalo de l'spirito ; nia celo estas legitima, laŭdinda kaj alta.... Efektive, kion ni volas ? Defendi kontraŭ la degeneriteco la religion, la morojn kaj la lingvon de niaj patroj ; — savi niajn du milionojn da fratoj el la humiliĝo kaj la premateco, al ili doni indecon, kiun almeritas al ili ilia laborema kaj peniga vivo ; antaŭgardi kontraŭ la pereo la heredaĵon de niaj prapatroj. Ĉu tiu ne estas legitima kaj laŭdinda celado ?

Kaj se iu venus al vi diri : vi klopodas por disŝiri la landon laŭ du partoj, ne kredu lin. Ni amas la samlandanojn, kiujn pli alta decido donis al ni kiel fratojn ; vere estas ke ni batalis, kaj batalos ankoraŭ kontraŭ la supereco de la Romana elemento ; sed ĉu povas li, kiu amas sian patrujon, voli ĝian malfortiĝon ? Ĉu li povas deziri ke disputo kaj malpaco faciligu la engluton al la komuna malamiko ? Ne, la unueco kun niaj Valonaj fratoj estas nia forto, kaj ĝi restos ĝi, nun kiam pli juste oni ekagas por ni. Multe ni jam akiris : la cetero sekvos ; ĉar nenia potenco sur la tero, kiel ajn alte ĝi sidas, povas kontraŭstari la voĉon de la faktoj.

Sed mi petegas vin, samlandanoj, ne malutilu al nia bela movado per partiemo, ne malrapidigu nian repostulon per pasioj, prunteprenitaj de la Franca civilizacio.

Rememoru ĉiam la devizon de la antaŭularo : religio, monarĥo kaj patrujo. Niaj prapatroj posedis trankvilan kaj puran fidon en la Providenco : tiu fido estu respektita en niaj produktaĵoj, ĝi instigu niajn klopodojn, por ke la eksterlanda dubemo estu forpelita. — Niaj patroj havis simplajn kaj ĉastajn morojn, ili neniam rompis la edzĵuron, ili estis fidelaj al sia parolo kaj sinceraj en sia agado : tiujn morojn ni devas plifortigi kaj disvastigi por ke la fremda veneno estu elradikigita. - Neniu popolo sur la tero montris pli grandan amon al siaj bonaj monarĥoj ol niaj patroj : tiu amo, tiu fideleco estu ankaŭ en ni, por ke la fremda revoluciemo ne atingu nian patrujon, — por ke nia reĝo iam ĝoju pro la

sindonemo de la Flandra popolo — kaj por ke la vermo de l' konsciencriproĉo metu sian pikilon en la koron de tiu, kiu tiel false nin kulpigis.

Unuvorte, ĉio kio estas respektinda estu de ni defendita, ĉio kio estas virta kaj laŭdinda servu kiel fundamento por la konstruo de la Flandra templo.... Sed, kun heroa kuraĝo kaj kun la patra obstineco estu la paca batalado daŭrigota; senhalte ni batalu kontraŭ malbonmoreco, bastardigo kaj maljusteco; kun nefleksebla konvinko ni repostulu kion oni de ni forprenis. Ni ne pripensu pri persekuto kaj sufero. - Antaŭen, ne returnante nin, ĉiam antaŭen al la rajto kaj al la bono. Estas por la gepatra lingvo, por religio kaj patrujo!

Esperantigis,
FLANDRANINO.

24-3-12.

---

# Mortigo de Jakobo van Artevelde.

Fenestro de la unua etaĝo de la domo de Artevelde estis malfermita. — Tie staris nun la Saĝulo mem, super la fera balustrado klinigite, kaj per la mano farante signon ke li tuj parolos. Lumigita li estis per la potenca lumeco de la lumingoj kaj oni povis vidi la plej malgrandan emocion sur lia vizaĝo Nenia angoro, nenia timo estis legebla sur ĝi; atestis sole pri silenta malĝojo kaj profunda kompato.

Unue estis neebla al li komprenigi la voĉon: ĉar la amaso el ĉiuj flankoj kunkuris, kaj minacante levigis al li lumingojn kaj armilojn.

Fine la bruo ĉesis, kaj Artevelde parolis:

« Civitanoj, kion vi volas de mi? Kio estas, kiu vin tiel kontraŭ mi incitas? Diru al mi kio de mi povus esti malbonfarita; mi restarigos ĝin laŭ mia povo. »

« Ni devas havi konton pri la granda trezoro de Flandrolando, kiun vi ŝtelis! » Estis kriegata al li kun konfuza bruo.

« Oni trompas vin, civitanoj. » respondis Artevelde; « el la trezoro de Flandrolando mi neniam elprenis unu solan groot'on. Pace reiru hejmen; mi petas vin, revenu morgaŭ dum la hela tago: por via kontentiĝo, mi donos al vi konton pri ĉio kion vi povos voli. — Vi vidos ke oni erarigis vin. »

« Ne, ne! » ekkriis Gerardo Denys, per malbelega rido minacanta Artevelde; « Tuj ni devos havi konton! Ni scias ke vi ŝtelis la trezoron, kaj, kiel mizerega ŝtelisto, ĝin sendis al Anglolando Vi ne forkuros de ni. Vi devas morti, patrolandvendisto! »

« Li devas morti! » kriegis post li liaj sampartianoj.

« Malsupreniru de tie supre, kaj ne parolu plu de supre al ni, tirano! » ekkriegis alia amaso al li.

Artevelde al sia voĉo pli da forteco kaj energio donante, reparolis.

« Ho ! civitanoj, vi postulas mian morton ! Ĉu vi ne rememoras, ke mi donacis mian ripozon, mian bienon kaj mian vivon por Flandrolanda liberigo kaj via prospero ? ke vi tie ĉi, sur la sama loko kie vi volas verŝi mian sangon, vi juris min helpi kaj defendi ĝis la morto ? Ĉu ne estis vi, kiuj kun levigitaj manoj min petegis doni al vi liberecon kaj komercon ! Ĉu Dio mia'n maltimajn klopodojn ne benis ? Ho, konfesu ĝin, civitanoj. Mi almenaŭ tenis mian parolon ; mi relevis Flandrolandon el la malsatego, liberigis ĝin de la premo, revivigis kaj briligis ĝin en prospero, famo kaj en grandeco... Kaj nun vi volas malĝuste mortigi min, viajn manojn mergi en mian senkulpan sangon ? Malgaja rekompenco por ĉiu bono kiun mi povis fari kaj kun Dia helpo faris ! — Vi povas preni mian vivon ; mi estas sola, unu persono kontraŭ vi ĉiuj ; sed, per juro mi asertas vin, civitanoj, antaŭ ol vi per ĉi tiu krimo makulas vin, ekzamenu, kiun vi nesciante, kiel ilo servas ; rekonu, ke la malamikoj de nia libereco blindigis vin por igi Flandrolando disŝiranta siajn propraj n intestojn, por ke ĝi sen forto tutfalos kaj sennervita fleksos la nukon sub la hontinda jugo. Ĉu vi ne estas plu filoj de Flandrolanda ? Ĉu Gento ne portis vian lulilon, ke vi forlasas patrolandon liberecon kaj famon, por amuzi vin per la disverŝo de fratosango ? Ne, ne ! vi aŭskultas min ankoraŭ ; la mizeregkrio de la mortanta Flandrolando resonos el mia buŝo en viajn korojn, fortiros la vualon de viaj okuloj kaj revokos vin al la plej sankta devosento. Ve, ve sur ni, civitanoj, se vi restus surdaj al ĉi tiu solena voko ! »

Jam la potenca parolo de Artevelde ekkaptis la atenton de la amaso kaj superregante ekkvietigis la pasiojn.

Amara spito mallumigis la vizaĝon de Gerardo Denys, kiu en malgaja rabio rimarkis, ke lia viktimo tuj forkuros..,

Al la malantaŭa pordo de la domo de Artevelde alveninta, komencis Denys, kun liaj konspirantoj sovaĝe kriegi kaj, per martelo kaj hakiloj, ataki la malfortan pordegon...

En la ĉambro, kies pordo sin malfermis ĉe la koridoro al la Paddenhoek, staris la amikoj de Artevelde, kun la armilo en la pugno, pretaj por lia defendo morti.

Kun strečita atento kaj unu la alian inspirante kuraĝegon aŭskultis ili la tondrajn martelfrapojn kaj la kriegadon, kiu antaŭ la ekstera pordo en la Paddenhoek tiel minacante resonis.

Fine la asasinantoj frakasis la pordegon kaj venkinte kuregis en la koridoron. Nun ili ekatakis la pordon de la ĉambro per siaj marteloj kaj frapis ĝin el ĝiaj pordhokoj : ne longtempe daŭris, antaŭ kiam ĉi tiu malforta defendaĵo falis en la ĉambron kaj sur la plankon falegis, eniron donante al la furiozaj atakantoj.

La glavo de Ghelnoot fendis la kapon de la unua ; la pognardo de Lieven traboris la bruston de la dua. Samrapide tiu el iliaj

amikoj elektis viktimon : — je la sama momento kvin aŭ ses asasinantoj naĝis en sia sango.

Tion vidante la aliaj kun forto malantaŭen iregis. Kiel, ili al la mallarĝa koridoro, sole duope aŭ triope kune, sin povis prezenti, kaj estis trafitaj, antaŭ ol ili povis uzi siajn armilojn, ili bone komprenis, ke malmulte el ili alvenus en la ĉambron, kaj ili alkurus al certa morto, volante trairi laŭ tie al Artevelde. Ili pensis konsekvence reiri... sed, pli for en la koridoro, kriegis antaŭpuŝante amaso, kiu, en sia kuro sin sentante subite haltigita per nevenkebla forto la unuaj kiel potenca fluo en la ĉambron enigis, kaj, ne sciante, per tiu rimedo la danĝeran pasejon regis.

Efektive, kvankam Ghelnoot kaj liaj kamaradoj kiel rabitaj la unuajn malamikojn mortigis, iliajn kapojn per glavoj fendis ĉu iliajn brustojn per pognardoj traboris, la nombro de la atakantoj estis tro granda por rezisti kontraŭ la puŝo de iliaj korpoj : la amikoj de Artevelde estis puŝitaj malantaŭen kaj devis forlasi sian bonan lokon.

Baldaŭ la ĉambro estis plenigita per asasinantoj ; Ghelnoot kaj liaj kamaradoj, laŭ ĉiuj flankoj ĉirkaŭitaj, surprizitaj kaj lokitaj ĉe la muro, defendis sin kiel leonoj kaj kolere frapadis kaj hakadis, kvankam la sango de ili el multaj vundoj fluis....

La restantaj amikoj kaj servistoj de Artevelde, vidante ke oni liberigis ilin, forlasis la ŝtuparon kaj malantaŭen saltis sur la asasinantojn. Tamen kiajn mirindaĵojn de kuraĝo kaj de heroismo ili faris, nenian esperon je venko ili povis deziri. Kontraŭ tro multe da malamikoj ili devis batali.

Gerardo Denys kun triumfanta ĝojo rimarkis, ke la aliro de la ŝtuparo fariĝis libera. La batalon forlasante li turnis sin al tiu flanko, kaj kriegis :

« Supren ! supren ! »

Li kuris antaŭ siaj anoj sur la ŝtuparo.

Alvenante en la ĉambron li vidis Artevelde, ankoraŭ al la popolo parolantan, starantan en la fenestro.

Blekego, kiel de tigro kiu sangmakulitan kaptaĵon sub siaj pintungoj sentas tremegi, bruegis el sia gorĝo ; sovaĝa rido kiel de diablo lumigis sian vizaĝon per infera brilo.... Ridante li saltis kun sia hakilo al Artevelde, kaj donis al li tiel fortan frapon, ke la Saĝulo, kun fendita kapo, sur la feran balustradon falegis, kaj sia senkulpa sango, el la larĝa vundo, en radioj sur la aŭskultantan amason ŝprucigis.

« Popolo !.... Gent !.... Flandrolando ! » estis la lasta sopiro de la Saĝulo.

(El Jacob van Artevelde.) H. CONSCIENCE.

(Esperantigis K. A. CASSIERS.)

## GRATULOJ

La 6an de Januaro okazis en **Charleroi** la edziĝo de S-ro Désiré Hallet, presejestro, fondinto kaj direktoro de la « Komerca Bulteno », Konsulo de U. E. A., kun Fraŭlino Alice Morgenthaler, sekretariino de la Esperantista Grupo de La Chaux de Fonds (Svisujo). Ni adresas al la juna kaj fervora esperantista paro niajn plej varmajn gratulojn kaj tutkorajn bondezirojn.

— Niajn plej sincerajn kaj tutkorajn gratulojn kaj bondezirojn al la samideanoj Gesinjoroj A. Vermandel, el Antwerpen kaj Sebruyns el Gent pro la naskiĝo de nova samideaneto.

## BIBLIOGRAFIO

**Belga Esperantisto anoncas la verkojn kiuj estas senditaj unuekzemplere ; ĝi recenzas nur tiujn verkojn kiujn ĝi ricevas duopekzemplere.**

---

**Studo pri la organizo de Esperanto.** — Prezo fr. 0.75. Parizo. Centra Esperantista Librejo, 51, rue de Clichy.

64 paĝa, franc-esperanta broŝuro, grandformata, enhavanta interesajn detalojn kaj projektojn pri organizo de la movado.

**Praha. Ilustrita gvidlibro por turistoj.** — Prezo Sm. 0,250. Eldonis Ĉasopis Ĉeskych Esperantisto, Vodičkova ul. nº 38, Praha (Bohemujo).

Belege eldonita gvidlibra broŝuro, enhavanta inter la bele presita teksto 41 ilustrajojn pri la Bohema ĉefurbo kaj ĉirkaŭajoj. Riĉe kolorigita koverto riprezentas du belajn vidajojn el Praha.

**Hendrik Conscience.** — *Kion Patrino povas suferi.* — El flandra lingvo esperantigis Fr. Schoofs. — Prezo 0,20 Sm. Eldonejo de Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.

Tiu ĉefverketo de nia flandra mondfama verkisto estas bonega tradukita kaj ni ne dubas pri la sukceso de tiu bele eldonita libreto kies prezo estas tre malalta.

**Edmond Privat** *Tra l' Silento. Elektitaj Poemoj.* Prezo Sm : 0.60 — Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

Jen bele eldonita libreto ! Bela fortika angla papero. per belaj literoj zorge presita. Kion diri pri lo enhavo ? Edmond Privat estas famkonata en nia movado : liaj poeziajoj estas tute senriproĉaj laŭ ritma kaj versfarada vidpunkto kaj pri la sento kiu blovas tra tiuj versoj ni povas diri ke ili estas vero poezio, pecoj el la koro, el tiu juna, vivplena, sentema koro kiun la verkisto knnportas en siaj, tra 'l mondo, vojaĝoj, sur la vojo de l'vivo.

Auskultu nur tiun ne ĝis nun eldonitan poemon :

## KANTAS AMO.

Pli bela ol ondo, pli forta ol vento
Kantados la amo plej dolĉan muzikon.
Ĝi kantas en koro, ĝi kantas al sento,
Ĝi kantas orgene ravadon mistikan.

Ĝi kantas tre longe, ĝi kantas lulante,
Kaj, unu post unu, la revoj de l' koro,
Jen kvazaŭ abeloj el oro brilanta,
Al kampoj de floroj ekflugas en gloro.

Sur blanka siringo jam svenas vespero,
Kaj amo kantadas dum flugas abeloj,
Kaj ĉiam pli supre tra nokta l'aero
Ĝi lulas la revojn ĝis kampo de l' steloj.

Ĉe l' lampoj eternaj en alta ĉielo,
La oraj flugiloj rondzumas laŭkante,
Kaj preĝoj infanaj sur voj' de malhelo
La revojn renkontas al Dio flugante.

Pli bela ol ondo, pli forta ol vento,
Kantadas la amo plej dolĉan muzikon.
Ĝi kantas en koro, ĝi kantas al sento,
Ĝi kantas orgene ravadon mistikan.

**Novaj Ĵurnaloj kaj Revuoj :**

*La Ŝvaba Esperantisto*, duonmata gazeto por la disvastigado kaj flegado de la lingvo Esperanto, — Jara abonprezo por eksterlando Sm 1.25. — Redaktoro D^ro Zimmerman. — Eldonejo R. Abt Schussenried (Germanujo).

*Revuo de Esperanta Psikistaro* Trimonata psikisma gazeto. — Jara abonprezo 1.00 Sm. — Redacio kaj Administracio A. Stas Waltwilder par Bilsen (Belgujo)

*Kuracisto. Internacia Medecina monata Revuo.* Jarabonprezo (10 numeroj) 3 Sm. — Redakcio kaj Administracio D^ro L. Chybczynski, Stato Szopena. n° 1, Warszawa (Rusujo).

*Portugala Revuo.* Ĉiumonata organo de la Esperantistoj Portugaloj. — Sarabono Sm 1.60. — Redakcio kaj Administracio : Ruo do Rosario, 215, Poito.

*La Suno Hispana,* Ĉiumonata Gazeto. — Jarabono Sm. 1.188 — Administracio Andres Pino Alegret. Colon, 25. Valencia (Espana)

**Esperantista Centra Oficejo.** — Esperantista Dokumentaro; kajero XVIIa. Bibliografio de Esperanto. Parto Unua : Libroj verkitoj en esperanto aŭ pri esperanto. Paris. Esper. Centra Oficejo, 51, rue de Clichy. Prezo : 0 800 Sm.

**Edward A. Millidge, F. B. E. A.** — The Esperanto-English Dictionary. British Esperanto Association. 133-6, High Holborn, London W C. Prezo ne montrita.

O. V. S.

